I jaro Sofia — Bulgario Januaro-februaro 1958, N-ro 3-4

# INTERNACIA ĴURNALISTO

Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## EŬROPA CENTRO PRI ĴURNALISMO

de Irving JAFFE

En bela domo de la strato Schiller, senbrua kaj burĝeca vojo en Strasburgo, plenumiĝas nuntempe unuafoja eksperimento. Tiu eksperimento rilatas du kampojn: edukado kaj ĵurnalismo. Enirante tiun domon, kie grupoj iras tra la koridoroj pentritaj antaŭ nelonge kaj meze de konstanta zumado de plurlingvaj konversacioj, vi preskaŭ kredus, ke vi troviĝas ĉe iu internacia klubejo. Verdire, vi pravus, ĉar la Internacia Centro por Supera Instruado de ĵurnalismo estas pli ol „lernejo", pli ol „Instituto", laŭ la malampleksa signifo de tiuj terminoj. La unua internacia centro por supera instruado de ĵurnalismo disponigas kursojn kaj multajn prelegojn; sed, ĝi estas rimarkinda, precipe pro la treege adaptebla karaktero de siaj metodoj; liberaj diskutoj, propraj kontaktoj, interŝanĝoj de konaĵoj kaj spertoj inter ĵurnalistoj kaj profesoroj pri ĵurnalismo, venintaj el multaj okcidentaj kaj orientaj landoj, neevoluintaj landoj aŭ grandaj industriaj potencoj. Ĉiuj personoj, kiuj laboras en la Centro (ofte oni apenaŭ distingas la profesorojn de la studentoj) konscias pri la profesiaj ligiloj, kiuj ilin kunigas kaj pri sia komuna deziro solvi metiajn problemojn, pri kiuj ili ĉiuj interesiĝas, kiaj ajn estas la ideologiaj diferencoj de iliaj respektivaj landoj.

La Centro malfermiĝis la 15an de Oktobro 1957, en la kadro de la Strasburga Universitato, dank'al la efektiva kooperado de UNESKO. Ĝia fondo sekvis prelegon okazintan en aprilo 1956, sub la aŭspicioj de UNESKO, kiu rekomendis la kreadon de „regionaj aŭ internaciaj centroj, por la pliboniĝo de la profesia formado kaj la edukadon de la ĵurnalistoj en diversaj mondpartoj". La Strasburga Centro deziras unualoke formi ĵurnalistojn devenantaj de Eŭropo, Afriko kaj Mezoriento. Oni nun pristudas planojn por la fondo de samspecaj centroj, verŝajne en Azio kaj en latinida Ameriko.

La organizado de la Strasburga Centro respondas precipe, kaj ĉe ĉiuj gradoj, la devon favorigi la starigon de fruktodonaj rilatoj inter ĵurnalistoj, profesoroj pri ĵurnalismo kaj aliaj reprezentantoj de la kultura mondo. Gvidata de la Universitata Rektoro, en Strasburgo, la Administrantaro de l'Centro, kies membrojn oni varbas internaciskale, konsistas el ĵurnalistoj kaj profesoroj, laŭ egala nombro. Ĉi jare, la unuaj studentoj, plejparte stipendiuloj de profesiaj organizoj kaj de UNESKO, nombras 25; ili estas ĵurnalistoj respondecaj pri la profesia formado de siaj estontaj kolegoj, profesoroj de ĵurnalismo kaj universitatuloj, kies deziro estas karieri en a instruado de l'ĵurnalismo. Ili venas de la sekvantaj landoj: Federacia Germana Respubliko, Britujo Belgujo, Italujo, Finnlando, Svisujo, Polujo, Ĉekoslovakujo, Jugoslavujo, Tunizio, Maroko, Turkujo, Izraelo kaj Gano. Venontjare, la Centro akceptos pluraj̃n sovetajn ĵurnalistojn.

La varbmaniero de la instruanta stabo samkiel tiu de la administrantaro kaj de stipendiuloj, obeas la deziron kunigi ĵurnalistojn kaj profesorojn. Ĉe la fino de la unua kunsido (kiu finiĝis la 23an de novembro 1957), ĉirkaŭ 50 majstroj eldonistoj kaj fakuloj pri informado en Usono kaj dekdu eŭropaj landoj, inter kiuj Sovetunio, pritraktis, el ĵurnalisteduka vidpunkto, temojn kiel la elekto kaj prezentmaniero de la informoj, la rolo de la ĉefredaktoro, la juraj gazetproblemoj, la specialaj demandoj pri perradia kaj televida ĵurnalismo kaj la nivelo de la ĵurnalista reportismo. La kursojn kompletigis praktikaj laboroj kaj specialaj studoj, kies temoj estis, ekzemple, la komparado de la enhavo de pluraj gazetoj.

Sed en la spiritoj de la profesoroj kaj studentoj de la Strasburga Centro nenio pli gravas ol la diskutoj postsekvantaj la konversaciojn, spontanece naskiĝantaj en la pasejoj de l'Centro; la ideoj libere interŝanĝiĝas kaj plene malaperas la limo, kiu apartigas laŭŝajne „mastrojn" kaj „lernantojn".

La ekzamena sistemo, unika pro ĝia speco, kiun trapasas la junuloj, dezirantaj akiri sian diplomon, pruvas ĝis kia grado la Centro sukcesis forigi la internaciajn barilojn. En la komenca parto de l'ekzameno, kiu rilatis al la unua periodo de la kunsido, la studentoj devis parole respondi la demandojn, faritaj de umu el la ekzamenantoj. Tiu ĉi konsistas el profesoro Khoudiakov, prezidanto de la Fakultato pri Ĵurnalismo de la Moskva Universitato, de profesoro Ralph Nafziger, estro de la Ĵurnalisma Sekcio de l'Universitato de Wisconsin en Usono kaj de francaj, polaj, britaj profesoroj. Dum oficiala ceremonio, s-roj Khoudiakov kaj Nafziger deklaris, ke la unua kunsido de l'Centro pruvis la valoron de la internaciaj rilatoj sur la profesia kampo.

Siaflanke la direktoro de la Centro, Jacques Lesuté, profesoro pri Juro en la Strasburga Universitato, fakulo pri punjuro kaj prigazetaj jurdemandoj, opinias, ke la plenumita strebado por favorigi la internacian kompreniĝon estas almenaŭ tiel grava, kiel la pedagogiaj celoj de l'Centro. Li estas certa, ke plensukcese stimulitaj de la internaciaj kontakloj, komencitaj en la grupo, kapablos kontribui kaj efike kontraŭbatali la internaciajn miskomrenojn en siaj propraj landoj, dank'al la influo de ili plenumebla, kiel profesoroj pri ĵurnalismo aŭ pere de la gazetoj, kies respodecon ili havas aŭ por kiuj ili laboras.

UNESKO

---

# Ĵurnalista ✶ VIVO

## RADIO-SALUTO AL TEJA MEMBRARO

Responde al la invito de la Direkcio de Radio Sofia, la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" disaŭdigis per la Radio okaze de la Nova 1958 jaro la jenan radio-saluton:

Karaj gekolegoj, membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio! En la nomo de la Centra Estraro de la Asocio, en la nomo de la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" kun granda ĝojo mi bondeziras al vi ĉiuj per Radio-Sofia Feliĉan Novan 1958 jaron!

Dum la forpasinta malnova jaro nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio konkeris kontentigajn sukcesojn: la asocia membraro duobliĝis kaj triobliĝis, rezultodone okazis la ĝenerala Ĵurnalista fakkunveno en Marseille dum la Universala Esperanto-kongreso, ekfunkciis jam nia Interŝanĝa presservo. La organo de nia Asocio -la Bulteno jam aperas tipografie presita sur pli bona papero sub la titolo „Internacia Ĵurnalisto".

Karaj geamikoj, antaŭ ni staras nun gravaj problemoj, kiujn ni devas solvi

dum la nova jaro. Nia membro-reto devas disvastiĝi kaj penetri en ĉiujn landojn kaj angulojn de la terglobo; ni devas plivigligi kaj bone organizi nian internacian, profesian kaj kulturan kunlaboradon. Per nia fruktodona laboro la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio elkreskos kiel serioza, konsiderinda internacia organizaĵo; ni montros kaj pruvos la utilon kaj la neceson de Esperanto. Per nia profesia kaj kultura peresperanta laboro ni kontribuos al la interkonatiĝo kaj amikiĝo de la popoloj, ni kontribuos al la konservo de la tutmonda paco.

Salutante vin ankoraŭfoje okaze de la Nova jaro, karaj ĵurnalistoj, mi invitas vin al aktiva profesia kunlaborado, al sinofera porpaca laboro.

---

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(En konsultaj rilatoj kun UNESCO)
Eendrachtsweg 7, ROTTERDAM C,
Nederlando

Rotterdam, la 6-an de jauuaro 1958

TEĴA, S-ro O. Thormodsen
HAUGESUND Boks 132,
Norvegujo.

Estimata Samideano,

Ni bone ricevis vian leteron de 28. 12. 1957. Bedaŭrinde jam estas tro malfrue por ankoraŭ enŝovi la anoncon (pri TEĴA) en Jarlibron 1958. La materialo jam estas kompostata.

Eble vi povos la koncernan anoncon enpresigi en unu el la sekvantaj numeroj de la revuo Esperanto. Ankaŭ tie ĝi tute certe trafos celon.

Ĉu TEĴA ne dezirus fariĝi „Kunlaboranta Asocio de UEA", same kiel estas jam pluraj aliaj fakaj asocioj, kiuj aperas regule en la jarlibro. Tiu stato de kunlaboranta asocio enhavas la kondiĉojn, ke, unue la faka asocio pagu kotizon de 10 n. gld. al UEA. Kompense UEA enpresigas en sia jarlibro iun tekston pri tiu faka asocio, kiun tiu mem kompilas. Vi konas la jarlibron kaj do scias pri kiu rubriko temas. Plue la kondiĉo estas, ke la faka asocio instigu siajn membrojn fariĝi individuaj membroj de UEA. Plue la faka asocio sendu en la fino de la jaro raporton pri sia laboro al la estrarano pri fakaj kaj landaj asocioj laŭ ties peto. Tiuj aperas ĉiujare kiel aldono al la estrara raporto de UEA kaj estas disdonataj en la Universala Kongreso. Poste la raportoj aperas en la Dua Parto de la Jarlibro de UEA.

Se vi deziras, ni volonte sendos al vi tekston de kontrakto subskribota de via estraro kaj la kompetenta estrarano de UEA kaj kiu kontrakto poste estos aprobita de la Komitato de UEA. Se dum la nuna jaro ni ordigos tiun aferon, TEĴA povos aperi en la venontjara jarlibro.

Ni volonte atendas viajn informojn, ankaŭ pri la demando ĉu vi deziras anstataŭe enpresigi anoncon en la revuo.

Kun tre koraj salutoj kaj bondeziroj por la Nova Jaro,

sincere via: M. H. Vermaas
Direktorino C. O.

## FONDITA JUGOSLAVIA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (JEĴA)

La 17-an de novembro 1957 j. en Zagreb, Jugoslavio, okazis konferenco pri informado kaj dokumentado kaj pri TEĴA-fondkunveno.

La konferencon ĉeestis: la prezidanto de la Jugoslavia Esperanto-Federacio — Peter Zlatnar; komisiito de BID — Marinko Ĉivoje; delegitoj: Matko Dobĉnik (SLEL), Stanislav Škrbec (KEL), Inĝ. Jerkoviĉ (BiH), Branko Radakoviĉ (SEL), Aleksandar Polzoviĉ (VEL) Marija Pavlova (MEL), Gubijan Zupanĉiĉ (JAFE), F. Vokoun (LES), Vilim Polaŝek (Bjelovar) kaj multaj gastoj.

Malfermante la konferencon, la prezidanto de JEF Peter Zlatnar konstatis, ke en tiu konferenco estas reprezentita la tuta lando, kaj oni povas larĝe pritrakti la demandon pri la loko kaj la rolo de unu el la ĉefaj sektoroj de la Jugoslavia Esperanto-movado „Informado kaj dokumentado".

Post la akceptitaj decidoj pri tiuj gravaj demandoj la konferenco transiris al la fondo de Jugoslavia Esperantista Ĵurnalista Asocio. Marinko Ĉivoje, kiel sekretario de la provizora preparkomitato de la ĵurnalista sekcio, pro foresto de la malsana prezidanto V. Sauer, informis, ke post la konstato pri la ekzisto de relative granda nombro de profesiaj ĵurnalistoj inter la esperantistoj, estis faritaj necesaj preparlaboroj por fondo de aparta jugoslavia esperantista sekcio. La fondo de la sekcio estis planita por la somero 1958 en Novi Sad dum la kongeso. Intertempe tamen oni konstatis, ke ĝuste pro la aranĝo de la kongreso antaŭ la sekcio staras tre gravaj kaj neprokrasteblaj konkretaj taskoj, kiujn oni devas finplenumi. Do, la estraro de JEF decidis kunvoki la delegitojn el ĉiuj respublikoj kiuj fondu la sekcion. Li koncize skizis la historion de TEĴA kaj de la Bulteno, kiu aperas en Bulgario (nun „Internacia Ĵurnalisto"), la ĉefajn decidojn dum la lasta kongreso en Marseille kaj la ĉefajn taskojn.

M. Dobĉnik, provizora kasisto, emfazis la gravecon de la internaciaj fakaj interŝanĝoj inter la ĵurnalistoj kaj parolis pri la eltrovo kaj aktivigo de ĉiuj ekzistantaj ĵurnalistoj kaj pri kunlaboro al „Internacia Ĵurnalisto", kiu pritraktas fakajn kaj informajn taskojn.

En la diskutoj oni tuŝis ankaŭ la demandon pri la rilatoj inter nia organizo kaj la Tutjugoslavia Ĵurnalista Organizaĵo. K-do S. Škrbec transprenis la taskon informiĝi kiaj estas la formo kaj la vojo por membrigo.

Fine oni transiris al elekto de Komitato de Jugoslavia Esperantista Ĵurnalista Asocio (JEĴA). Oni elektis: prezidanton — Ilija Antonijeviĉ, Beograd (29 Novembro 22/I). sekretarion — Branko Radakoviĉ, II-an sekretarion — Nedeljka Subotiĉ (ambaŭ el Beogrado), kasiston — Matko Dobĉnik, Ljubljana (Poŝtni predal 275). En la pliampleksita komitato eniris: Marinko Ĉivoje (SLEL), Stanislav Škrbec (KEL), Marija Pavlova (MFL), Vladislav Sauer (VEL), Bogdan Jerkoviĉ (BiH). Oni komisiis al la Estraro en Beograd, ke ĝi preparu la regularon de la faka organizo kies nomo estu „Jugoslavia Esperantista Ĵurnalista Asocio." Ĝi estos faka Asocio en la kadroj de Jugoslavia Esperanto Federacio (JEF).

Post la elĉerpo de la tagordo, la prezidanto de JEF — P. Zlatnar fermis la konferencon deklarante, ke ĝi plenumis kaj atingis la rezultatojn, kiujn oni atendis de ĝi kaj esprimis la deziron, ke oni per plena kaj vera respondeco plenumu la starigitajn problemojn.

L a r e d a k c i o gratulas niajn jugoslaviajn kolegojn okaze de la granda sukceso kaj bondeziras al la nova, faka esperantista ĵurnalista organizaĵo sukceson kaj fruktodonan kunlaboradon kun TEĴA.

ESPERANTO — KULTURA PONTO INTER LA POPOLOJ.

## MODESTA, SED MODELA ĴURNALISTA AGADO

El la letero de s-ano Oskar Gardi, urbo Gorkij, Kaŭkazo-USSR.

„... Kiel membro de TEĴA ĝis nun mi faris la jenon: mi sendis artikoleton al „Nuntempa Bulgario", kiu aperis en N-ro 7. Por „N. B." mi preparis ankoraŭ artikoletojn kaj informojn pri nia esperantista kaj kultura vivo. Similan materialon mi sendis amkaŭ al la ĉina esperanto-gazeto. En la gazeto „Kubanskij Selhozinstitut" — urbo Krasnodar — aperis informo pri la agado de la Esperanto-societo „David Sasonov" (Asenovgrad, Bulgario). Dank'al tio establiĝis regula amika kontakto inter la studentoj en Selhozinstituto (Krasnodar) kun la esperantistoj el Asenovgrad.

Krom tio, mi varbis du novajn membrojn por TEĴA..."

La redakcio gratulas s-anon Gardi kaj bondeziras al li pluan rezultodonan laboron.

---

## EN BULGARIO

En Plovdiv, Bulgario, la dua urbo laŭ la nombro de loĝantoj post Sofia, antaŭ nelonge oni formis grupon de esperantistoj-ĵurnalistoj. Ĉisube ni publikigas ilian duonjaran agadplanon, kies enhavo povus eventuale servi kiel modelo de aliaj grupoj kaj sekcioj ne nur en Bulgario, sed ankaŭ en aliaj landoj.

I. Organizaj taskoj.

1) Unufoje dum ĉiu monato kunsido de la grupo.

2) Oni propagandu la signifon de esperanto en la ĵurnalistaj medioj en Plovdiv kaj ĝia regiono varbonte novajn membrojn.

3) Efektivigo de kontakto kun la urba kaj la departamenta komitatoj por defendo de la paco. Celo: propagandi esperanton kaj samtempe helpi la pacmovadon.

II. Kulturaj kaj propagandaj taskoj.

1) Publikigi ĉiumonate en la loka ĵurnalo „Otečestven glas" almenaŭ du artikolojn pri esperanto.

2) Publikigi ĉiumonate en la esperantista gazetaro almenaŭ unu materialon.

3) Ĉiumonate la radiostacio en Plovdiv. disaŭdigu priesperantan emision.

4) Eldoni trimonatan multobligitan bultenon pri la esperanto-movado en Plovdiva regiono en la lingvoj bulgara kaj esperanto.

5. Aranĝi renkonton kun la ĉefo de la Komerca ĉambro en Plovdiv kaj pritrakti la demandon pri la utiligo de esperanto dum la XVIII-a Internacia foiro en Plovdiv, kiu okazos dum la aŭtuno 1958.

6) Aranĝi renkonton kun la direktoro de la Ŝtata entrepreno „Balkanturist" pri eventuala organizo de Ĵurnalista ekskurso al Beograd, Bukuresto k. a. kaj— kontaktigi la Jurnalistan grupon en Plovdiv kun fremdlandaj esparantistoj, vizitantaj la urbon.

7) Ĉiu grupano devas kunligi sin kun ĵurnalisto-esperantisto en fremdlando kaj abonigi por „Internacia Ĵurnalisto" almenaŭ du kolegojn.

8) Interligi la Packomitaton en Plovdiv kun samspecaj komitatoj en eksterlando

*

---

## KONKURSO „PREMIOJ DE INTERNACIAJ PUBLIKAJ INTERRILATOJ"

Ĉiuj TEĴA-membroj estas petataj partopreni la konkurson de „Premioj de Internaciaj Publikaj Interrilatoj" kaj sendi al „Express", Caspost 98, Roma, Italio siajn verkojn: rakontojn, poeziaĵojn, fotojn, desegnojn, ĵurnalistajn raportajojn kaj informojn.

La plej bonaj verkoj estos premiitaj.

La partopreno en la konkurso estas libervola kaj dezirinda.

## INTERNACIA KONKURSO POR ĴURNALISTOJ

La Asocio de la Belgaj kaj fremdlandaj ĵurnalistoj organizas internacian konkurson pri verkado de plej bona artikolo, publikigota en la perioda presaro. La artikolo estos distingita per „Internacia premio de la perioda presaro“ kaj estos honoriita per 10,000 belgaj frankoj.

La kondiĉoj de la konkurso estas la jenaj:

1. La temo de la konkurso estas: „La Universala kaj internacia ekspozicio en Bruxelle 1958 j.“ en plej larĝa senco.
2. La teksto devas enhavi ne pli ol 2000 vortojn.
3. La artikoloj devas esti publikigotaj en revuoj aŭ en alia perioda eldonaĵo en unu el la lingvoj franca, nederlanda, germana, angla, itala, Esperanto kaj en iu el la dialektoj de Belga Kongo aŭ de Ruanda-Urunda.
4. La konkurso estas anonima.
5. Oni sendu la verkitajn artikolojn ĝis la 30 de junio 1958 jaro al la komisiono, organizanta la konkurson.

Ĝojiga estas la fakto, ke ankaŭ Esperanto estas konsiderata kiel grava lingvo, uzata de ĵurnalistoj. La partoprenontoj TEJA-anoj bonvolu turni sin al la redakcio de „Internacia Jurnalisto“ por pli detalaj informoj rilate la internacian konkurson.

---

## INTERNACIA JURNALISTA RIPOZEJO APUD LA NIGRA MARO

La Unuiĝo de la ĵurnalistoj en Bulgario ĉi jare komencas konstrui grandan internacian ripozdomon por ĵurnalistoj. La Somerumejo elkreskos sur la bela bordo de Nigra maro inter fruktĝardeno kaj vinberejo, 14 kilometrojn norde de la fama kurorta urbo Varna kaj estos konstruita laŭ la bela bulgara arkitektura stilo. La somerumejo akceptos en kelkaj ŝanĝoj por pli ol 200 gastoj. En ĝia restoracio, kie troviĝas ankaŭ scenejo kaj filma proîekcia aparato, povas nutri sin pli ol 250 somerumantoj.

Pro sia agrabla klimato, belaspekta situo, brila suno, dukilometra plaĝo, ĉirkauita de multaj ripozdomoj, hoteloj, restoracioj, somerteatro, kinejo, parkoj, fruktĝardenoj, vinberejoj, arbaroj, interesaj historiaj vidindaĵoj ktp, la belega kurorturbeto Ora Sablaro nur dum 1957 jaro estis vizitita de ĉirkaŭ 30,000 eksterlandanoj. Tie ĉi estas konstruataj ankaŭ aliaj somerdomoj kaj hoteloj kaj la nombro de la vizitontoj ĉi jare estos multe pli granda.

Ek de 1959 jaro, kiam la internacia ĵurnalista ripozdomo estos finkonstruita, povos somerumi kaj pasi en agrabla ripozo kaj resaniĝo ĵurnalistoj el la tuta mondo.

---

## NI VIZITU AMASE LA 43-an UNIVERŜALAN KONGRESON DE ESPERANTO

Ĉi jare la 43-a Universala Esperanto-kongreso ekazos en Mainz, F. R. Germanio. Dum la kongreso okazos ankaŭ ĝenerala fakkunveno de ĵurnalistoj-esperantistoj. Necese estas ke TEĴA-membroj kaj aliaj ne TEĴA-anoj amase partoprenu la kongreson kaj la fakkunvenon. Tial ĉiuj vizitontoj, membroj kaj ne membroj de TEĴA, devas tuj aliĝi al la kongreso kaj komenci la ordigon de la necesaj pasportformalaĵoj.

La Estraro de TEĴA anoncos anticipe la tagordon de la fakkunveno.

## KUNVENO DE LA ĴURNALISTA SEKCIO EN SOFIA

La membroj de la ĵurnalista sekcio esperantista en Sofia, Bulgario, havis organizan kunvenon la 14-an de februaro. Post la raporto de la sekcia sekretario Iv. K. Esperov pri la ĝisnuna agado de la ĵurnalistoj-esperantistoj okazis pridiskutado pri la estonta laboro de la sekcio. Estis akceptita plano por laboro ĝis la ĉi jara Bulgara Esperanto-kongreso, pri kunlaborado en la bulgara gazetaro, pri la internaciaj ĵurnalistaj interrilatoj kaj kunlaborado al la fremlanda gazetaro.

Pritraktitaj estis ankaŭ aliaj organizaj taşkoj kaj la aperigado de „Internacia Ĵurnalisto". Estis elektita nova 5-membra estraro de la ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperanto-Asocio: prezidanto — Ivan Keremidĉiev, sekretario — Krstju Karucin, kasisto — Tatjana Evstratieva, estraranoj — Haim Levi kaj Stefka Hristova

---

## „ESPERANTO" DE UEA KAJ „HEROLDO DE ESPERANTO" PRI TEJA

En la organo de UEA „Esperanto", n-ro 2, kaj en „Heroldo de Esperanto", n-ro 2, estas aperigitaj informoj pri nia Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio kaj pri la apero de „Internacia Ĵurnalisto", menciante la adresojn, kie oni povas aboni la organon.

## GRANDA LITOVA ĴURNALO PRI TEĴA

La granda riĉe ilustrita litova gazeto „Svyturys", kiu aperas en Vilnius — Litova SSR, starigis Esperanto rubrikon, en kiu aperas informoj pri la tutmonda esperanto-movado. En n-ro 22/1957 de la sama gezeto estas sciigo pri TEĴA kaj pri ĝia organo.

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

Informo pri TEĴA kaj ĝia organo aperis ankaŭ en Germana Esperanto-Revuo, n-ro 1, januaro 1958 j.

Esperanto-estona kaj Estona, esperanta vortaro de H. Sepemma 160 paĝoj, eldonita en Tallinn, Soveta Estonio, USSR.

Bulteno de la Hungarlanda esperanto-konsilantaro, n-ro 9—10, septembro-oktobro 1957.

Svyturys — litova ilustrita gazeto n-ro 22/957. Eldonata en litova lingvo kun Esperanto-rubriko.

Nuntempa Bulgario — monata kultura revuo, n-ro 12 — decembro 1957.

Germana Esperanto — Revuo, n-ro 1, januaro 1858.

Bulteno de Hungarlanda Esperanto-Konsilanta ro, n-ro 11—12 (nov. dec. 1957)

---

## NIA ALVOKO

TEĴA-membroj! Gekolegoj kaj amikoj de „Internacia Jurnalisto"! Subtenu vian organon! Ĝia regula aperado dependas de vi mem. La membro kotizoj de ĉiuj niaj anoj, se ni sukcese povus kolekti ilin, ne sufiĉus por la pres — kaj poŝtelspezoj eĉ de tri numeroj de la organo. Kaj la redakcio ĝis nun eldonis kvar numerojn de la „bulteno" kaj tri nomerojn de „Internacia Jurnalisto" — per la rimedoj de bonfaremaj bulgaraj amikoj. Ni petas vin ciujn tuj pagu la „Fonduson Internacia Ĵurnalisto"! Imitu la ekzemplon de s-ano A. Ribot kaj de laceterajTEĴA-anoj, kolektuj monon, aliajn vendeblajn varojn kasendu vian kontribuaĵon porla „Fonduso"

## FONDUSO „INTERNACIA ĴURNALISTO"

| | |
|---|---|
| Krstju Karucin, Sofia | — 10 lv. |
| Haim Levi, Sofia | — 10 lv. |
| Ivan Batakliev, Plovdiv | — 10 lv. |
| Angel Georgiev, Sofia | — 10 lv. |

## PRIESPERANTA GAZETO EN BULGARA LINGVO

Okaze de la 70-jara jubileo de esperanto la Ĵurnalista sekcio en Sofia eldonis 8-paĝan grandformatan priesperantan gazeton en nacia lingvo. La propaganda gazeto, presita en du koloroj, enhavas variajn artikolojn de konataj esperantaj pioniroj - enlandaj aŭ eksterlandaj, kronikon de esperanto, portreton de nia Majstro, reprodukcion de la titolpaĝo de la unua lernolibro de esperanto „Internacia lingvo", fotografaĵojn el la vivo de esperantistoj, dirojn de mondfamaj scienculoj, verkistoj, ŝtatgvidantoj k. a. pri esperanto.

La Bulgaraj esperantistoj-ĵurnalistoj sekvis la imitindan eksemplon de siaj pollandaj kolegoj. Ni ĉiuj agu laŭ la sama maniero!

Dr.

## NOVA PAŜO EN LA GAZETARON

La bulgara semajna literatura gazeto „Literaturen Front", organo de Uniĝo de la bulgaraj verkistoj, komencis publikigi ĉiusemajnan esperantan rubrikon. En la nova rubriko, gvidata de -ano K. Draĵev, estas, donataj informoj de pure literatura karaktero, precipe pri esperantaj eldonoj de originale verkitaj aŭ tradukitaj verkoj.

Ni gratulas nian kunfraton „Lit. front" pro la favora rilato al nia afero!

Cydra.

## NOJAJ MEMBROJ DE TEĴA

Ludomir Antonoviĉ Zabanskij, mezlernejo, urbo Minkovci, Hmelnicka oblast, Ukrajna SSR.

Prof. Surej Stepanoviĉ Kravĉenko, ul. Krasnaja 90, kv. 8, Krasnodar (Kaŭkazo), USSR.

S-ino Ida Lisiĉnik. Pedagogia Instituto, Kutaisi, USSR.

Dào-anh-Kha, Hôj Quôc-tê-ngu-Bv Hb Viêt-nam, Hanoi, (via USSR)

Hristo Ĉavdarov. bulv. Al. Stambolijski 142, Sofia, Bulgario.

Haim Levi, ul. „Iskâr" 38, Sofia, Bulgario.

Mois Dekalo, ul. „Avicena" 44, Sofia Bulgario.

Antonije Sekelj, Kondina 24, Beograg Jugoslavio.

Ilija Antonijeviĉ, Terazije 12, Beograd, Jugoslavio.

Branko Radakoviĉ, Kajmakĉelanska 65, Beograd, Jugoslavio.

Petar Vlasev, Radio-Centro, Levskigrand, Bulgario.

## Komitatanoj de TEĴA

Jugoslavio — Matko Dobuĉik Miklošiĉeva 7, Ljbljana

Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12 Moskva 131

Danujo — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, Silkeborg. S-ano Jepsen gvidas la fakon Interŝanĝservo.

Ĉeĥoslovakio — Joĵko Stanek, Osadni 45, Praha

Rumanio — Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti

## Landaj reprezantoj de TEĴA

Hungario — Marton Lajos, Esperanto Bursutca 2, Budapest XII

Vietnamio — Dào-anh-kha, Hôi Quôctê-nou Bv Hb Viêt-nam. Hanoi (via USSR)

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sendas interŝange la organon al ciuj esperanto-redakcioj, petante ilin sendi interŝanĝe siajn gazetojn ktp al redakcio „Intern. ĵ-sto".

Redaktoro: Iv. Keremidciev, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.